**Wydawcy: — Eldonantoj:**

# Pola Esperantista Klubo
**kaj**
# Societo Esperanto
# Kraków

**Redaktor: Bronisław Kuhl Redaktanto:**

**Adres Redakcji i Administracji:** / **Adreso de Redakcio kaj Administracio:**

**Kraków, ul. Smoleńska 9. (Polujo).**

---

**Treść N-u 1: — Enhavo de N-o 1:**



---

**Prenumerata:**

| | |
|---|---|
| Rocznie: | Zł. 8·— |
| Półrocznie | „ 4·— |
| Pojedynczy numer | „ 0·70 |

Dla towarzystw i grup esperanckich roczna prenumerata Zł. 6.

**Abono:**

| | |
|---|---|
| Jare | Zł. 8·— |
| Duonjare | „ 4·— |
| Aparta numero | „ 0·70 |

Por societoj kaj grupoj esperantistaj jarabono Zł. 6.

Konto Pocztowej Kasy Oszczędności Kraków Nr. 406.660.

Konto en Poŝta Ŝparkaso: Kraków Nr. 406.660.

# POLA ESPERANTISTO
MONATA REVUO DE ESPERANTISTA MOVADO EN POLUJO.
# ESPERANTYSTA POLSKI
MIESIĘCZNY PRZEGLĄD RUCHU ESPERANCKIEGO W POLSCE.

| ROK XXI. JARO. | KRAKÓW<br>STYCZEŃ 1927 JANUARO | Nr. 1. N-o |
|---|---|---|



## W NOWEJ SZACIE.

Bez troski o przyszłość, wpatrzony jedynie w niezapomniane przykłady swych mistrzów i przyjaciół: Zamenhofa, Grabowskiego, Zakrzewskiego, Belmonta, Beina, Günthera i innych, nasz miły współideowiec i poeta Stanisław Karolczyk, wzniósł sztandar „Polskiego Esperantysty" w warunkach niezwykle nieprzyjaznych. Wojna światowa w zupełności zdezorganizowała ruch esperancki w Polsce, jednocześnie zaś trwająca kilkoletnia dewaluacja pieniądza uniemożliwiła wszelki rachunek. On jednak niósł ten sztandar wysoko dla dobra wspólnej naszej Idei.

Teraz po czteroletnich mozołach, gdy z chaosu trudnych warunków zaczął się coraz wyraźniej wyłaniać zarys nowych kształtów zrzeszeń towarzystw esperanckich w Polsce, oddał nam dobrowolnie swój dorobek i złożył sztandar w nasze ręce.

Za Jego pracę pełną poświęcenia, za trud i znój wyrażamy Mu dzisiaj wszyscy naszą podziękę, jako wskrzesicielowi „Polskiego Esperantysty"; czynimy to w imieniu wszystkich Polskich współideowców i oświadczamy,

## EN NOVA VESTO.

Senzorge pri estonteco, vidante nur la neforgeseblajn ekzemplojn de siaj majstroj kaj amikoj Zamenhof, Grabowski, Zakrzewski, Belmont, Bein, Günther kaj aliaj, levis antaŭ 5 jaroj la kara samideano-poeto Stanisław Karolczyk la standardon de „Pola Esperantisto" kaj en imageble plej malfavoraj cirkonstancoj, kiam la mondmilito plene senorganizigis la esperantistan movadon en Polujo kaj kelkjara senvaloriĝo de pola mono neniigis ĉiun kalkuleblecon, li penis alte ĝin teni por la bono kaj prospero de nia nobla ideo.

Nun post kvinjaraj plej malfacilaj penadoj, kiam el la ĥaoso de malorganizo komenciĝas aperadi ĉiam pli klare la konturoj de esperplenaj formoj de pollandaj esperantistaj asociiĝoj, li bonvole transdonas tiun standardon en niajn manojn.

Por lia memforgesema, senlaca agado ni esprimas al la „Rekreinto" de „Pola Esperantisto" en la nomo de ĉiuj Polaj Samideanoj la plej koran dankon kaj certigon, ke lia ago per oraj literoj enskribiĝis en la memoro de pola esperantistaro.

że Jego praca złotemi głoskami zostanie w naszej pamięci zapisaną.

*

Zachęceni przez licznych przedstawicieli kół esperanckich z całej Polski, bierzemy się do dalszej pracy nad gazetą, dążąc do osiągnięcia wzoru z czasów przedwojennych.

Wierni wielkim tradycjom pozostawionym nam przez Zamehofów, Grabowskiego, Beina i innych przodowników i stojąc mocno na zbudowanych przez nich podstawach, pracować będziemy usilnie, ażeby „Pola Esperantisto" był wiernem odbiciem kulturalnego życia i ruchu esperanckiego w Polsce. Dzięki wielkiej i ofiarnej pomocy Muzeum Przemysłowego w Krakowie możemy wydawać gazetę regularnie w zwiększonej objętości, oraz w wytworniejszej szacie i z ilustracjami.

Te dążenia nasze i projekty wymagają jednak wytężenia sił, oraz znacznie większego niż dotąd poparcia dla „Polskiego Esperantysty".

Zjazd odbyty w końcu r. z. w Krakowie, gdzie obecni byli przedstawiciele 33 miast polskich wyraźnie dowiódł, że społeczność esperancka w Polsce pojęła konieczność potrzeby wspólnej organizacji i dała jej widoczny wyraz.

Ale organizacja nie będzie w stanie należycie pełnić swych zadań, ani wogóle ruch nie będzie się wzmagał w Państwie, jeżeli nie posiądziemy organu, który wiernie i bezpartyjnie odzwierciedli nasze dążenia, postępy, usiłowania i owocne ich skutki, oraz napotkane na drodze trudności.

Dlatego to wydając „Pola Esp."

*

Instigitaj per la afabla kuraĝigo de multaj esperantistaj rondoj el la tuta Polujo ni prenas la transdonitan al ni gazeton kaj deziras reveni al la belaj ekzemploj de antaŭmilita „Pola Esperantisto".

Fidelaj al la grandaj tradicioj postlasitaj al ni de Zamenhofoj, Grabowski, Bein kaj ĉiuj aliaj pioniroj kaj starante obstine sur la donita de ili fundamento ni klopodos tutforte fari „Polan Esperantiston" vera spegulo de kultura vivo en Polujo kaj esperantista en ĝi movado. Danke al gravaj plifaciligoj de Industria Muzeo en Kraków ni povos aperigadi la gazeton regule en pligrandigita amplekso, kun pli luksa eksteraĵo kaj kun ilustraĵoj.

Tiuj deziroj kaj projektoj postulas tamen streĉiĝon de ĉiuj niaj fortoj, postulas kelkoble pli grandan subtenon, ol ĝin havis ĝis nun „Pola Esperantisto".

La okazinta en pasinta novembro Krakow'a konferenco, en kiu partoprenis reprezentantoj de 33 polaj urboj, montris evidente, ke la esperantista socio de Polujo komprenis la gravecon de racia organizo, kaj donis al tiu organizo gravan antaŭenpuŝon. Sed la organizo ne povos bone funkcii, nek ĝenerale la movado povos en nia lando progresi, se ni ne posedos organon, kiu fidele kaj senpartie registrus niajn penadojn, progresojn, sukcesojn kaj renkontatajn malfacilaĵojn.

Tial daŭrigante la eldonadon de „Pola Esperantisto" ni deziras, ke ĝi

w dalszym ciągu chcielibyśmy, ażeby był on czynnikiem wiążącym ze sobą wszystkie stowarzyszenia, grupy oraz pojedyńczych esperantystów w Polsce. Zapraszamy do współpracy wszystkich, kogo sprawa nasza obchodzi; prosimy o artykuły o życiu kulturalnem, o literaturze i sztuce, o tłómaczenia i prace oryginalne, o wiadomości w sprawach lokalnych, o propozycje, żądania i życzenia oraz o radę i krytykę. Im większą pomoc uzyska redakcja od polskich współideowców, tem bardziej owocną będzie praca. Prosimy też nie zapominać i o pomocy materjalnej. Zaczynamy bowiem z bardzo skromnymi środkami zachęceni ofiarnością nielicznych dotąd współideowców. Ale do życia gazety nie wystarcza to, ani stałego istnienia nie zapewni. Potrzeba nam tysiąc odbiorców i mamy nadzieję, że przecież tę liczbę w Polsce znajdziemy, jeżeli zostaniemy należycie zrozumiani co do ważności i celu naszych zamiarów.

Z wiarą w poparcie oddajemy ten nasz organ w ręce esperantystów na obszarze Polski zamieszkałych.

REDAKCJA.

estu konstanta kaj regula ligilo inter la societoj, grupoj kaj izolaj esperantistoj en Polujo. Ni invitas ĉiujn samideanojn al kunlaboro kaj subtenado.

Ni invitas al kunlaboro per artikoloj pri la kultura vivo de Polujo, pri ĝia arto kaj literaturo, per tradukoj kaj originalaĵoj, per komunikoj pri la lokaj okazintaĵoj, per proponoj, deziroj, konsiloj kaj kritikoj. Ju pli grandan helpon ricevos la redakcio de la pola samideanaro, des pli ĝi estos por ili interesa.

Kaj subtenon materialan ni petas. Kun tre modestaj rimedoj ni komencas la eldonadon, kuraĝigitaj per la promeso de subteno flanke de kelkaj grandanimaj samideanoj. Sed por la vivo de la gazeto tio nek sufiĉas, nek ĝin certigas. Mil abonantojn ni bezonas kaj esperas, ke ni trovos ilin en Polujo, se ĉiuj samideanoj komprenantaj la gravecon de nia organo bonvolos nin subteni.

Kun konfido pri tiu subteno ni metas „Polan Esperantiston" en la manojn de pollanda samideanaro.

LA REDAKCIO.

---

KAROL HOMOLACS.

# LA MUZEO INDUSTRIA EN KRAKÓW.

Ĉi tiu institucio estas kreita dank' al Dro Adrjan Baraniecki, kiu en la j. 1868 donacis al la urbo Kraków siajn kolektojn kaj bibliotekon. — Tiel kreinte soci-kulturan laborpostenon, li mem fariĝis ĝia ĉefo, agante tre fruktoporte sur multaj kampoj de karaktero pedagogia.

Li organizis popularajn prelegojn por gejunuloj, kreis superan studejon por virinoj, kiu en la j. 1895 fariĝis memstara lernejo nomita „Superaj kursoj por virinoj je la nomo de Baraniecki", fondis en la j. 1870 ĉe la Muzeo superan studejon de la sciencoj komercaj por viroj, organizis

gipsfandejon kaj ĥemian laborejon, partoprenis aktive en aranĝado de industriaj ekspozicioj, eldonis serion da valoraj publikaĵoj, samtempe li pliriĉigadis konstante la kolektojn kaj la bibliotekon per aĉetado kaj per multaj privataj donacoj.

Post la morto de Dro Baraniecki (1891) la direktadon de l'institucio prenis sur sin la konservisto Jan Kasper Wdowiszewski, dank' al kiu la Muzeo ricevis pluajn riĉigojn de la kolektoj kaj la biblioteko, precipe en la artindustria fako. — Tiel la Muzeo ricevis ĉiam pli karakteron de industria kaj manufaktura instituto.



Dro Adrjan Baraniecki
fondinto de l' „Muzeo Industria".

En tiu tempo naskiĝis projekto konstrui specialan domegon, en kiu trovus lokon ĉiuj kolektoj kaj la biblioteko, kaj samloke enhavus prelegajn, desegnajn kaj metilaborajn ĉambrojn, por ke la institucio povu disvolvi pli vastan pedagogian agadon, speciale sur la kampo de industrio kaj manufakturo.

Post mallonga interrompo, kiun la evoluo de la institucio ricevis kaŭze de morto de Jan Wdowiszewski (en 1904), ĝia gvidanto fariĝis en la j. 1907 la arkitekto Tadeo Stryjeński, kiu tiam ekprenas sur sin la projekton de konstruo de propra domo kaj realigas ĝin en la j. 1914.

Intertempe (en 1910) la gvidado de la institucio transiras en la manojn de inĝ. Stanisław Till, kiu en 1914 j. transprenas la novan konstruaĵon, okazigas instalon de metiejoj, transporton de la kolektoj kaj la biblioteko kaj plenumas viglan agadon precipe sur la kampo de artindustrio.

Post nova paŭzo pro la monda milito, la gvidadon de la Muzeo surprenas inĝ. Eugenjusz Tor (1920). Tiutempe oni prilaboris novan statuton kaj ŝanĝis la ĝisnunan nomon de la institucio: Muzeo teknik-industria estis anstataŭita de: „Muzeo Industria je la nomo de Dro Adrjan Baraniecki".

La nova statuto esprimas la celojn de la institucio en jenaj punktoj:



„Muzeo Industria“ en Kraków.

„Disvolvado de l'produkcio teknike kaj estetike per tio, ke estas:

a) forgesitaj resp. novaj labormetodoj konigotaj al la manufakturistoj,

b) novaj inventoj kaj industriaj branĉoj enkondukotaj,

c) racia aplikado de helpmaŝinoj konigota al la manufakturistoj,

d) metiistoj edukotaj profesie, ekonomie kaj kulture,
e) modeloj kaj specimenoj por la industria produktado ĝenerala liverotaj,
f) la socio instruota ŝatadi la valoron de modelaj produktaĵoj kaj la landan produkcion; influo farota sur la profesian edukadon de la manufaktura junularo.

Ĉi tiuj kelkaj punktoj enhavas vastan programon de agado, kiu rilatigas tiel kun la ekonomia kiel kun la kultura soci-evoluo. Tia laborado ne estas enkadrigebla en rigidan programon. Ĉiu tago alportas novajn taskojn, novajn problemojn kaj devigas al serĉado pri novaj labormetodoj.

Plej karakteriza simptomo de la nuna postmilita tempo en Eŭropo estas sendube la multrilata malaltiĝo de la vivnivelo kaj, ligite kun tio, la falo de l'produkcio laŭ rilatoj kvanta kaj kvalita. La manufakturo, kiu estis laŭgrade forpuŝata de l'fabrika amasprodukcio jam depost la 19-a jarcento, momente reviviĝis iom, por baldaŭ refali en multe pli profundan senmovecon en la tempo ĉi nuna.

Samtempe al la fabrika produkcio venis ne malpli grava krizo, kiu eksterordinare malbone influas la kvaliton de la produktaĵoj.

Se, krome, ni mencios ĝeneralan falon de l'estetika gusto, tiam ni akiros malgajan bildon de la nuntempa produkcio, plej bone karakterizebla per la malagrablega difino: „fuŝaĵo".

La batalo kontraŭ fuŝaĵoj per si mem altrudiĝas do kiel la ĉefa devizo de la nuna agado de nia institucio. Kaj sub tia devizo ni enmovigis ĉiujn disponeblajn de ni rimedojn.

Nia biblioteko enhavanta plej valorajn eldonaĵojn el arkitekturo kaj artindustrio krom teknikaj verkoj (ĉ. 50.000 vol.), alirebla ĉiurilate por la vastaj sociaj rondoj (senpage), plenumas sian taskon disvastigante same la kulturon kaj belamon kiel la sciencojn teknikan kaj metian.

La saman celon havas nia periodaĵo „Belaj aĵoj", kiu estas la sola en Polujo eldonaĵo dediĉita al artindustrio, gvidata sur alta nivelo, koncerne sian enhavon samkiel sian eksteran formon, malgraŭ ke ĝi devas multe lukti kontraŭ grandaj malfacilaĵoj.

Krom tiu monata revuo eldonas la Muzeo laŭpove aliajn verkojn, kiel industriajn vortarojn, lernolibrojn ktp.

Paralele kun la eldonista agado disvolvas la Muzeo efikan agadon per prelegoj, konkursoj, ekspozicioj, instruaj filmoj k. t. p.

La kolektoj en la nombro de ĉirkaŭ 25.000 objektoj de aplika arto, alireblaj por la publiko kaj ekskursoj, plenumas ankaŭ specialan taskon, nome liveras bonajn desegnomodelojn al la artistaj lernejoj kaj ekzemplojn de malnova produktado por la kurspartoprenantoj.

Havante vicon da laborejoj (metalan, lignaĵistan, librobindan, brodistan, fototeknikan kaj presejon) edukas la Muzeo senpere la manufakturistan

junularon, akceptante ĝin kiel lernantojn, sendepende de tio organizas kursojn konstantajn kaj laŭbezonajn. Ĉiuj suprenomitaj rimedoj celas kune antaŭ ĉio al plialtigo de nivelo de produktado same sur la kampo de manfara kiel fabrika laborado, kaj fine ĉe la okazoj, kie la maŝino parte anstataŭas la penon de vivaj muskoloj.

Malgraŭ ke la fundamenta ideo, kiun ni difinis mallonge kiel batalado kontraŭ fuŝaĵo, ŝajnas simpla, tamen ĝia efektivigo en apartaj fakoj komplikas la problemon ĝis tia grado, ke ofte nefacile estas trovi la ĝustan vojon.

Jam la difino mem, kiuj fakoj de produktado devus konservi plue la karakteron de manufakturo kaj kiuj povus esti farataj per la maŝinoj kaj en kia grado, prezentas malfacilaĵojn. Ĝenerale oni povas diri, ke en tiu rilato la decidan rolon ludas la artistaj faktoroj.

La objektoj destinitaj por la celoj utilaj taŭgas por la maŝina produktado, la objektoj, en kiuj la ĉefan akcenton oni metas je la arta flanko, postulas pli la senteman manon de manufakturisto-artisto. Tiu vidpunkto sendube ĝusta ĝenerale, kaŝas tamen en si ioman danĝeron. Ĉe tiu premiso oni facile povus veni al la konkludo, ke la fabrikaj produktaĵoj havas nenion komunan kun la artista verkado; dume ne estas malfacile montri ĉe multaj konkretaj ekzemploj, kiel interne ligita estas la fabrikanto kun la artisto. Oni scias ekz., ke bela desegno neproporcie plialtigas la komercan valoron de teksaĵo presita aŭ fabrike farita. La samo koncernas la tapeton, lignofleksitan meblon, krajonon, piedveston kaj ĝenerale ĉiun objekton. Oni ne devas ja forgesi pri tio, ke eĉ la plej teknikaj formoj ekz. ferpontoj, maŝinoj k. t. p. ne estas senigitaj je estetikaj aspiroj kaj la ekspozicio en Paris 1926 enkorpigis ilin en la sferon de artista produktado.

Tiel do la demando pri agordigo de problemoj artistaj kun la problemoj teknikaj enhavas ĝustadire la tuton de la homa produktado, de puntaĵo ĝis fabrikfarita markizeto, de broĉo ĝis aŭtomobilo.

Kiom en la manufakturaĵo la ligo inter la arto kaj la tekniko kreiĝas meme jam en la muskoloj de sentema mano de l' manufakturisto, tiom en la fabrika produktado tiu ĉi ligo devas esti prilaborita. La teknikisto kaj la artisto devas interkoniĝi kaj interkompreniĝi, kaj ĝustadire devas multe pli — la teknikisto devas fariĝi mem artisto kaj inverse, ĉar nur tiam iĝos la miraklo, ke la maŝino anstataŭos la vivan manon kaj kapablos produkti formojn, en kiuj la teknika belo ligiĝos kun la arta belo en unu nedisigebla tuto.

La Muzeo Industria, en kiu de longe apud teknikistoj kaj manufakturistoj laboras artistoj, estas ĝuste tiu posteno, en kiu povas maturiĝi por la solvo la supraj problemoj nur supraĵe cititaj, problemoj gravaj, kiuj en alta grado decidas pri nia estonta kulturo.

Polujo malgraŭ la politikaj kaj ekonomiaj malfacilaĵoj, kontraŭ kiuj ĝi

batalas preskaŭ depost du jarcentoj, komprenis delonge la signifon de tiuj problemoj.

La Muzeo fariĝis depost dudek jaroj la posteno, en kiu renkontis sin artistoj kun metiistoj kaj inĝenieroj, preparante en granda peno la grundon por la komuna laboro. Danke al tiu kunlaborado grandaparte povis Polujo akiri la estimon kaj premiojn, kiujn ĝi ricevis ĉe la internacia ekspozicio de dekoraciaj artoj en Paris.

Dezirante konigi al la eksterlando la tendencojn, kiuj manifestiĝas en la renaskiĝinta Polujo sur la kampo de nobliĝo de produktado kaj speciale de agordiĝo de ĝiaj novaj metodoj kun la artistaj premisoj, ni permesas al ni konigi al la legantoj provizore tiujn ĉi ĝeneralajn rimarkojn, rezervante por la estonteco la pli detalan priparolon de apartaj fakoj.

Ni sentas nin feliĉaj, ke nia Institucio fariĝis posteno, en kiu estos presata la sola en Polujo esperantista gazeto.

Tio permesos al ni diskonigi niajn tendencojn, kies la plej grava esenco estas tiom parenca al tiu de la Esperantistoj: la serĉado de nova interkomprenilo komuna por la artisto kaj la teknikisto.



Kun ĝojo kaj danko ni akceptas la promesitan afablan kunhelpon de la aŭtoro, konservisto de l' Muzeo, kiu permesas al ni efektivigadi la intencitan programon, kaj ni esperas, ke la ligitaj rilatoj de l' Muzeo kaj Esperanto alportos utilon al ambaŭ ideoj. Specialan dankon ni ŝuldas al nia samideano, inĝ. E. Tor, direktoro de la Muzeo, kiu ĉi tiun ligon iniciatis kaj plifaciligas.

*(Rim. de la Red.)*

---

WŁADYSŁAW ST. REYMONT.

# SUPER LA ABISMO.

Jen „Li", estro de l'mondo, sinjoro de l'tuta tero kaj maroj senlimaj kaj popoloj sennombraj, jam la duan tagon kaj nokton duan kvazaŭ super la abismoj de l'estado ŝanceliĝante, kvazaŭ sur pendoloj de malespero kaj espero, atendas pendante en spacoj, en tragedia atendado de venko aŭ morto.

La tuta mondo rifuzis al li obeemon.

Ĉiuj popoloj sklavigitaj ŝiris la katenojn.

Ribelo kaptis la animon, ribelo venĝema kaj terura.

Kaj jen, jam depost multaj tagoj bruliga orkano de venĝo ruliĝas tra la mondo, leviĝas en severega rondoturno de morto, iras tra noktoj blindaj pro kolonoj da fajro, tra palaj tremetantaj tagoj fluas kvazaŭ funebra fantomo de kolero, sub kies piedoj tremas la tero kaj la urboj disfalas je gruzoj, hurlas per terura bruego de bataloj kaj detruo.

Kaj proksimiĝas al la metropolo per huragano de tondroj.

Jam tie sub la muroj, proksime, pesata estas Lia sorto.

Kaj li atendas dum longaj tagoj kaj noktoj senfinaj je la lasta frapo, rigardas el la fenestroj de l'alta, defenda turo en la nigran, nepenetreblan nokton: la giganta, kvazaŭ morta urbo sterniĝas al liaj piedoj per funebra tuko da mallumoj — nenie briloj, nek flagroj, nek eĉ steloj sur la plumba ĉielo, nenio, malpleno krepuska de tomboj, spiranta per putra, malkvietiga silento.

Iafoje ĝi leviĝas kaj flugas kun flamaj okuloj super la vizioj de turoj, rondflugas freneze super la nebulaj siluetoj de l'urbo, falas kiel vulturo en la nigrajn surdajn kaj blindajn fendojn de l'stratoj, en la fundon de l'silento, kaj retiriĝas pro subita teruriĝo, falas kun ĝemo de senforta malespero.

Kaj denove ĝi atendas en la silento de senfinaj horoj, en nedirebla svarmo de malkvietoj, kaj denove la sama demando levas la kapon kaj gluas la terurigitan rigardon al muta ankoraŭ kaj nedivenebla...

Iafoje la vento skuas la fenestrojn, iafoje la pluvo plaŭdas je l'granitaj muroj, susuras la defluiloj, kaj tra la malplenaj kameroj fluas velkantaj ĥoj de ĝemoj, iafoje la neĝo falas kaj heligas la mondon tiel, ke la urbo griziĝas kaj aperetas fantome, kaj milo da turoj, kvazaŭ kunpremitaj pugnoj, ŝajnas kliniĝi al li, kaj miloj da nigraj fenestroj rigardas kvazaŭ mortaj okuloj de venkitoj...

Tiam li retiriĝas kaj ŝtoniĝas pro teruro, kaj daŭras pendante super abismo, sentante sin kvazaŭ klinita arbo, kiam oni hakas arbaron, la ĝemo de falantaj gigantoj tremigas la teron, fajfas la falantaj trunkoj, kaj la bruo de hakiloj frapas ĉirkaŭe, frapas senĉese kaj ĉiam pli proksime, kaj ĉiam pli dolore, kaj ĉiam pli terure...

Kaj atendas la frapon, kiu jam leviĝas.

— Eĉ morton, nur pli rapide! — li ĝemas senforte.

Tamen la informoj ne alvenas.

Funebra kastelo silentas, kaj la blindaj stratoj kuŝas mortaj.

Kaj tie la mondo disfalas, tie pesiĝas lia sorto.

Subite la muroj kvazaŭ ektremis; per silenta, ŝtelira paŝo li jetis sin al la fenestroj kaj aŭskultis timeme — la vento alportis agoniantajn ĥojn de batalo malproksima, surdan tondron de kanonoj, knarojn de karabenaj salvoj kaj sekan bruon de kartoĉoj, kaj iafoje kvazaŭ triumfa himno de morto leviĝis, kaj malproksime, malproksime flagris iaj flamoj, kaj sur la nigra ĉielo rondflugis ruĝaj, sovaĝaj okuloj de aerostatoj.

Sed la vento silentiĝis kaj ĉio falis en la nokton kaj mortan silenton.

Kaj ree la horoj tiras sin malrapide, kiel eterneco, leviĝas maldiligente el nenieco kaj enfalas en silentan nediveneblan nenion, kaj kvazaŭ tombŝtonoj premegas Lian animon per turmento de atendoj.

Ĝis fine la tagiĝo alrampis kompate al liaj turmentitaj okuloj.

Kaj poste la tagfantomo enrigardis per grizaj pupiloj de suferoj, aperigis krepuske ĉiun aferon, starigis ĝin en la helo de efektivo, kaj skuinte la

lumon, jam foriris en la mondon sopire, malgaje kaj plorante per pluvo penetrema, kaj ĝin sekvis sennombraj aroj da korvoj, kornikoj kaj vulturoj, kaj fluis kvazaŭ nigraj, disigitaj harligoj. Al manĝ' ili flugis, al abunda kadavra manĝo...

Per minaca, nigra nubo ili rondflugis super la kastelo kaj, grakante funebre, longe, tremige, levis sin al kampoj de bataloj kaj murdoj. Li vekiĝis kaj rigardis ilin kun strange kunpremita koro. Ili estis jam malproksime, kiel nigranta polvonubo trenis sin en la tago krepuska, super la griza, funebra urbo.

Kaj liaj pupiloj, kvazaŭ birdoj erarvagantaj, rondflugis peze super tiu urbo-mondo, kiu leviĝis el nebuloj ĉe la malalta marbordo, kiel senlima, griza arigo da rokoj.

Miloj da turoj superstaris kiel ŝtona, netrairebla arbaro, portante pezan nubon da fumoj kaj nebuloj.

Li fiksis la avidajn okulojn en tiu minaca potenco, deziris ĝin trapenetri ĝis la fundo, ĝis tie, kie ĉiam bruletis la fajreroj de ĉiuj ribeloj, kie la kaŝiĝanta malamego grincigis kontraŭ li la nepardonemajn ferajn dentojn de venĝo...

Sed la urbo kuŝis en nedivenebla minaco de silento, griziĝis fantome en nebuloj kaj pluvo gutanta senĉese, kvazaŭ el putrinta aerŝpinaĵo.

La malica maro furiozis ĉe la bordoj, altiĝantaj ondoj frapis per verdaj kapoj la granitajn bulvardojn kaj revenadis ŝaŭmante al la insulo, sur kiu kuŝis la kastelo, la mevoj rondflugis kun ĝema krio. Kaj li vane aŭskultis la bruojn kaj balbutojn malproksimajn, vane deziris enrigardi en la animon de l'urbo — ĝi estis malserena kaj muta, kiel malamiko vestita per nevenkebla kiraso.

Ekskuis lin la malnova, furioza malamego kontraŭ tiu malamiko.

Li ne venkis, kvankam li dronigis ĝin en sango, bruligis, pafis, frakasis, ne venkis...

(daŭrigota).

---

# LINGVAJ PRIPENSOJ.

Kvankam tre facila, Esperanto tamen devas esti lernata konstante, precipe de tiuj personoj, kiuj havas aspirojn iom pli grandajn, ekzemple deziras ekzameniĝi kaj akiri ateston pri sciado de la lingvo aŭ eĉ pri instrua kapableco. Ke tamen ĝisfunde koni Esperanton, same kiel la aliajn vivantajn lingvojn, povas nur tiu, kiu multe legadas la literaturon kaj la periodan gazetaron, estas afero memkomprenebla.

Al ĉiu, ankaŭ al tiu, kiu posedas jam spertecon en la lingvo, se ili ne legis ankoraŭ la „Fundamentan Krestomation" de Dro Zamenhof, ni konsilas fari ĉi tion eĉ nun.

Ĉar la plejmulto el niaj legantoj lernis nian lingvon el pola esperantolernolibro, ni volas turni hodiaŭ la atenton al kelkaj esprimoj pollingvaj.

Ni povas traduki „*cena*" ne nur: p r e z o, sed ankaŭ k o s t o *(koszt)* aŭ: v a l o r o *(wartość)*. *Bezcenny*

tradukiĝas ne: senpreza *(bez ceny)* aŭ senvalora *(bez wartości)*, sed plej ofte: ekstreme kara aŭ eĉ: nepagebla (Grabowski). *Zabezcen* estas analoge: ekstreme malkare, aŭ: preskaŭ senpage. „Tre kara" kiu signifus *bezcenny* kaj „tre malkare" kiu signifus *zabezcen* (laŭ Grabowski) ŝajnas al ni iom tro malfortaj. Preskaŭ samsignifa kun „ekstreme" estas „treege" (treege kara, treege malkare).

Notu plue: Modera sed fiksa prezo; specimeno senvalora (laŭ Maruzzi). Bona estas ankaŭ: specimeno senpaga. Specimeno estas *próbka*, *Muster*, *échantillon*. Altvalora premio, sed: altpreza objekto, identa kun: multekosta.

Kara ni konsilas uzi prefere (raczej) tiam, kiam ni pensas pri aminda, dum altpreza „tradukiĝus" per: multekosta. Tamen en nia lingvo laŭ la Fundamento ĉiam multekosta estas anstataŭebla per kara. La kontraŭo memkompreneble ne estas ĝusta.

Kiam ni aldonas la adverbon tre al la vorto multekosta, ni povas anstataŭigi la vorton multekosta per la simpla kosta, ĉar la ideo tre jam enhavas la multe: tre = preskaŭ tre multe. Same: pli kosta, malpli kosta anstataŭ pli multekosta, malpli multekosta. Cetere jam delonge tiaj mallongigoj estas uzadataj.

Tial anstataŭ la plej malkara gazeto ni povas diri — se ni volas resti en konsento kun nia diferencigo de kara kaj multekosta — la plej malkosta gazeto t. e. la plej (multe) malkosta, aŭ: la plej malmultekosta gazeto. La vivo eble iam alportos kun la tempo, ke multekosta kaj malmultekosta, kiuj estas iom tro longaj, ankaŭ tiam, tiam tiuj vortoj staros solaj (sen adverbo), mallongiĝos en kosta kaj malkosta. Ĉu ne jam uzadiĝis orda kaj malorda, anst. bonorda kaj malbonorda? Kvankam ordo ne estis ĉiam bona ordo, sed simple ia ajn ordo, laŭserieco, enuziĝis ĝia signizo tia, ke ordo = bona ordo. Same, certe enuziĝos, ke kosta = multekosta...

Sed nun jam sufiĉas tiuj pripensoj pri la ebla evoluo de la lingvo. Antaŭe estas ja nia devo bone ellerni la lingvon tia, kia ĝi hodiaŭ estas en uzado.

Sed... nia plua konstatado, ne antaŭvidado (s-o ĉefredaktoro, jes, Vi ne volas ĝin havi!) hazarde plifirmigas nian ĵusan antaŭvidon:

*Ciężki* estas peza (kasŝranko), malfacila (tasko). Nu, pezo = *ciężar*, *waga*, tial peza, tutsame kiel kosta, signifas verdire: rilatanta al pezo. Tamen ne estas uzata multepeza kaj malmultepeza, sed simple: peza kaj malpeza *(lekki)*, v. Grabowski, kvankam koncerne ĉi-tiun vorton ne estas bezona iu-ajn pruvo.

Komparu: Kiom kostas ĉi tiu orringo? 1000 frk. Sekve ĝi estas... kosta. Kiom pezas ĉi-

tiu libro? 2 kg. Sekve ĝi estas peza. Kial ni havus esceptojn?*)

*) Dezirante, ke la legantaro trovu en nia gazeto ne nur plezuron kaj amuzon, sed ankaŭ okazon por lertiĝi en la lingvo kaj instigon por plua studado kaj perfektiĝado, ni intencas kiom eble plej ofte publikigadi prilingvajn studojn. La serion de tiaj studoj malfermas la interesa artikolo de D-ro Dreher. Ni presigas la spritan konsideradon de nia lingva komitatano kun plezuro ĝuste pro ĝia spriteco, kvankam ni ne plene konsentas kun ĝia argumentado. La sagaca „konstato“ de l'aŭtoro „antaŭvidas“ la evoluon de nia lingvo en la direkto de l' „oportunismo“ celanta en la ĉiutaga parola kaj gazetara uzado elreligi ĝin el la rektaj kvankam iafoje maloportunaj vojoj de logikeco. Logike „malkosta gazeto“ ne signifas, ke la abonanto iun ajn malaltan sumon por ĝi pagis, sed kontraŭe, ke la eldonanto ankoraŭ iun sumon alpagas al la leganto por la afableco ricevi ĝin... kaj ne legante forĵeti en la fornon. (Nu, ni ne dezirus, ke „P. E.“ estu tiel malkosta!) Kvankam verŝajne la disvolviĝo de Esperanto iros ofte en la direkto de tia oportunismo, kies specimenojn donas D-ro Dreher, tamen ne ŝajnas dezirinde, ke oni ofte faru similajn provojn de disvolvado, kiuj rememorigas la provojn perforte per disŝiro disvolvi la rozburĝonojn, por ke ili pli frue ekfloru.

Red.

---

# TUTPOLLANDA KONFERENCO DE ESPERANTO.

**30. okt. — 1. nov. 1926.**

Unua tutpola kongreso de Esperanto okazis, kiel ni memoras, en Warszawa (Varsovio) en la j. 1922 laŭ invito de tieaj esperantistaj societoj. Ŝajnis tiam, ke fine ekregos konsento kaj kunlaboro de ĉiuj esperantistoj pollandaj, ĉar la kongreso kreis Federacion de ĉiaj esp. grupoj kaj ligoj en Pollando ekzistantaj.

Bedaŭrinde la Federacio tiel entuziasme vokita al vivo, jam la postan tagon montriĝis „infano naskita malviva“. De tiam ankoraŭ pli granda ekregis senorientiĝo en la pollandaj esperantistaj vicoj, ankaŭ ne okazis poste en 1923 la dua kongreso en Lodz pro malfortiĝo de la siatempe vigla movado en tiu urbo, nek okazis kongresoj tutlandaj en la postaj jaroj 1924 kaj 1925. En la jaro 1925 kelkaj varsoviaj esperanto-grupoj kunvokis en Warszawa konferencon, sed ĉar tiu estis nur kromkunsido ĉe alia, ne universala kongreso de unu el la kelkaj pollandaj organizaĵoj, krome ne aranĝita tiel, kiel konferenco devas esti aranĝata, sen vasta programo kaj sen la necesa propagando por si mem, — nur intensa laborado, povas krei grandan, por ĉiuj leĝdonan historian okazaĵon — tial ankaŭ la dirita konferenco restis nur rememoro.

En aprilo de la jaro 1926 la konata lodza propagandisto Lejzerowicz dissendis al ĉiuj pollandaj grupoj presitan cirkuleron pri fondo de tutpollanda esperanto-gazeto, ĉar la malnova „Pola Esperantisto“, kiel estis konate, malgraŭ la plej bona volo de ĝia redaktoro, s-o S. Ka-

rolczyk, ne sukcesis altiri al si ĉiujn esperantistojn, tial, ke ĝi estis malgraŭ ĉio organo de nur unu el la kelkaj pollandaj esperanto-organizaĵoj. La subskribinto de tiu ĉi raporto respondis tiam al la inicianto, ke tutpollandan gazeton povas subteni nur tutpollanda organizaĵo, kaj ĉar tia ne ekzistas ankoraŭ, oni devas ĝin krei. Jen la komenco de la ideo pri Tutpollanda Konferenco de Esperanto. La subskribinto jam en la monato majo faris la unuan provan paŝon, helpita de kelkaj junaj esperantistoj. Estis ekspedita al ĉiuj pollandaj grupoj kaj iom eminentaj izoluloj la unua cirkulero, kies fervora akcepto ĉe granda nombro de la grupoj, decidis la pluan sorton de la afero. Inter la unuaj apogantoj troviĝis i. a. „Konkordo" en Varsovio. Kiam la aferon ekapogis per sia ne sufiĉe taksebla autoritato la ĉefa gvidanto de la esperantomovado en Polujo, nia estimegata prezidanto prof. Odo Bujwid, ni estis certaj, ke la prova paŝo estas la unua paŝo al venko de la „obstinaj baroj" kaj ke la konferenco okazos.

Pri la konferenco mem ni faris raporton jam aliloke, ĉi-tie ni deziras sole mencii tion, kio antaŭe ne estis raportita en „Pola Esperantisto", nek en „Heroldo de Esperanto", nek en alia esperantista gazeto.

La nombro de la aliĝintaj konferencanoj estis 110, krome partoprenis ĝin multaj samideanoj sen pagi la konferencan kotizon, ne nur el la urbo Kraków mem, sed ankaŭ elekstere, tial ne registritaj en la sekretariejo.

La konferencon partoprenis registrite 30 Krakowanoj kaj 80 eksterurbanoj el 33 lokoj.

Spirite ĉeestis, kiel pruvas iliaj salutleteroj kaj telegramoj, esperantistoj el 9 aliaj lokoj: Bobowa, Czortków, Kalisz, Łomża, Orla, Poznań, Ruda (orientgalicia), Wieluń, Żychlin. Sume do 42 lokoj en Pollando kunlaboris kun ni.

Eksterlandajn samideanojn reprezentis la gastoj el Teŝin, Fridek kaj Privoz (Ĉeĥoslovakujo).

Leteraj gratuloj alvenis de: Germana Esperanto Asocio (Berlin), Dr Bronisław Skałkowski, Anatol Koch, A. L. Łasiński, P. Piotrowski, P. E. A. Kalisz, „Laboro" Lublin, „Pola Esperantisto" Warszawa, Leo Belmont, A. E. R. ĉe Juda Ak. Hejmo, Oberländer, Zygm. Friedman k. a.

Telegramleteron sendis: P. E. A. Poznań.

Krome gratulis „Heroldo de Esperanto" Horrem b. Köln, Wygodzki, Mikunda k. a.

Telegrafis: Urbestraro de Bialystok, Kongreso de polaj popolinstruistoj (Warszawa), Urba Prezidanto de Kraków, inĝ. K. Rolle, Rektoro de Universitato Jagelona prof. dr. L. Marchlewski, Dr Haas (Bielsko), familio Zamenhof, Dr Leon Zamenhof, Leo Belmont (krom menciita letero), Dr Soloniewicz, Leopold Kronenberg, Oberrotman, Janczurowicz, Dr. J. Mędrkiewicz, Dr I. Dziedzic (nepovinta persone veni) k. m. a.

Ni danku ĉi-loke niajn alilandajn samideanojn, kiuj per alsendo de ekspozaĵoj helpis aranĝi la Ekspozi-

cion de la konferenco. Ne estas citeblaj ĉiuj, sed aparte dankon meritas ja niaj sudlavaj (Zagrebaj) kunbatalantoj kun Dro Maruzzi ĉe la frunto, krome belgaj (Mechelenaj) samideanoj; bulgaraj, austraj, norvegaj, ĉehoslovakaj, germanaj, francaj, italaj kaj britaj. La vizitantojn de la ekspozicio frapis tre forte speciala tuta tablo kun eltranĉaĵoj el „Express Kaliski", kies ĉefredaktoro estas samideano Lasiński.

Sume — la konferenco povas rajte nomiĝi bonsukcesa. Ne mankis ankaŭ kelkaj, eĉ doloraj ĉagrenoj: la arangôntoj de la konferenco konsciis labori por **b o n a** afero kaj ĉi tiu konscio helpis ilin venki ĉiujn malfacilaĵojn.

Kreiĝis tutlanda kunlaboro, nomata „Pollanda Esperanto-Delegitaro" pri kiu vi legos aliloke*).

Dr LEOPOLD DREHER
ĝenerala sekretario
de Tutpollanda Konf. de Esp.

---

*) Bedaŭrinde manko de loko malpermesis al ni publikigi nun la regularon de P. E. D. Ĝi aperos en la sekvanta n-ro. *Red.*

# ESPERANTISTA MOVADO.

## La unuaj taskoj de P. E. D.

Diligenta observanto de la tutmonda esperanto movado konstatas, ke ĝi estas nune faranta vere rapidajn progresojn. Estas do tempo, ke ankaŭ niaj landaj societoj kaj kluboj komencu ĉiu en sia loko pli viglan, pli celutilan organizitan laboradon. Oni devas ja konfesi, ke en la lulilo de Esperanto la samlandanoj de la Majstro luliĝas dolĉe dormante, aŭ, se ili iom laboradas, faras ĉion dise!

Tial tre grava komenco estis farita per la Krakowa konferenco de la delegitoj el tuta Pollando kaj fina elekto de Pollanda Esperanto Delegitaro.

Ni esperas, ke post nelonga tempo ĉiuj ĝis nun disigitaj esperantistaj fortoj, ricevante apogon en ĉi tiu unuiĝo, laborados kune por la komuna celo.

Nia unua tasko estas krei — kun la aprobo de la Ministerio de l'Instruado — Pollandan Esperanto Instituton, kies celo estos direkti kaj kontroli la instruadon de Esperanto, por liveri diplomitajn instruistojn. La agado estas jam komencita kaj koncerna projekto estas jam pritraktata en la Departamento IV. de la Ministerio.

Due, ni klopodas pri subtenado de la organo: „Pola Esperantisto". Por krei intiman kontakton de P. E. D. kun ĝia organo, s-ano Bronisław Kuhl, la redaktanto de „Pola Esperantisto", estis kooptita al la Ekzekutiva Komitato.

Trie, ni klopodas pri vigligo de la esp. vivo kaj movado en Polujo. Ni mencios ankoraŭ kelkajn projektojn kaj proponojn jam faritajn aŭ farotajn. Pri kelkaj el ili ni jam skribis aliloke.

Krome estas multaj aliaj taskoj plenumotaj. Unualoke estu menciataj niaj klopodoj celantaj plifaciligi la ekziston de la multaj esp. societoj kaj rondoj, kies komuna teritorio estas Pollando, sed kies nacio ne estas pola. Kiel ĉiam, ni devos subtenadi ĉiun nian ŝtatanon en lia esperanta ŝtatema agado. Lastatempe ni ricevis leterojn el du lokoj, kie

niaj landlimaj samideanoj ege plendas pri malfacilaĵoj flanke de la lokaj reĝimoj: evidente ekzistas tie malkomprenoj, kiujn ni sendube klarigos. Tio estas nia devo. Ni refoje petas informojn pri-ĉiuj tiaj malkomprenoj kaj malfacilaĵoj.

Prof. Dro O. BUJWID
Prez. de P. E. D.

—

## Komunikoj gravaj por la grupoj.

1. Ĉiuj grupoj, kiuj ankoraŭ ne estas sendintaj al ni la aliĝojn al P. E. D. estas urĝe petataj rapidigi ĉion, kio estas tiucele necesa. Ju pli frue vi aliĝas, des pli fruktoporta estos nia subteno al vi, kiun vi bezonas.

2. Estas presitaj dukoloraj afiŝoj pri kursoj, kiujn ni liveras al la grupoj de P. E. D. por la prezo de zl. 9·— po 100 ekz. Ili estas tre efikaj kaj ĉie uzeblaj. 50 ekz. kostas zł. 5·—

3. Estas lu-riceveblaj kino-kliŝoj propagandantaj Esperanton, ĉie uzeblaj. Faru demandon ĉe nia Propaganda Fakestro.

4. Fondiĝis sekcio de prelegantoj pretaj laŭ interkonsento fari paroladojn. Ĉi tiun servon povas uzi ankaŭ grupoj ankoraŭ ne aliĝintaj al P. E. D.

La Ekzekutiva Komitato
de P. E. D.

—

## Kroniko.

Ni ricevis, ĉefe pere de P. E. D., la sekvantajn informojn. Por havi en estonteco plenan trarigardon de nia movado en Polujo, ni petas ĉiujn societojn kaj grupojn sendadi al ni regulajn korespondojn pri ilia agado.

Red.

**Będzin.** La 21. de okt. s-ano Dr L. Dreher faris publikan paroladon. Kurson de 25 personoj gvidas s-ano Kozłowski.

**Chorzów.** Par. vikario Paweł Janik instruas nian lingvon en la junularaj societoj.

**Cieszyn.** Nia senlaca probatalanto L. Krysta instruas tre nombran kursanaron en la pola lingvo, krom tio instruas ankaŭ ĉehlingve.

**Huta Królewska.** „Rondo Esperantista“ daŭre propagandas.

**Janów Miejski.** Fondiĝis Rondo de fidelaj esp.-amikoj (16 membroj); prez. s-ano Sojka, sekr. s-ano Kristek. Kurso kun 10 p.

**Kołomyja.** En ĉi tiea ukraina gimnazio kurson gvidas nia malnova pioniro s-ano prof. Orest Kuźma.

**Kraków.** „Soc. Esperanto“ instruas en 4 kursoj ĉ. 60 p. „Nia diligenta kolegaro“ tutcerte plinombriĝos enfine, ĉi tiun jaron.

S-ano Dr M. Blassberg sendis pere de P. E. D. al ĉiuj Krakovaj kuracistoj (ĉ. 430 p.) la bonan flugfolion „Dlaczego Esperanto“ kaj mem gvidas kurseton kun kelke da hospitalkuracistoj.

En la „Pola Esperantista Klubo“ gvidas kurson direktoro Tor.

Lastatempe komenciĝis kurso en policlernejo (40 lernantoj) gvidata de Dr Dreher kaj en la gimnazio de Sienkiewicz sub la direkto de prof. Bujwid.

**Opatów Kielecki.** Prof. J. Żołnierek interesiĝinte pri E. intencas enkonduki kursojn en la loka gimnazio.

**Pabjanice.** La sekr. de la ŝtata gimnazio K. Świątek arangis en ĝi kurson de nia lingvo.

**Przemyśl.** S-ano Leo Blech fervore klopodas restarigi la movadon en tiu grava urbo.

**Radom.** Kurso komenciĝis la 1. XII. kun 25 p. La prez. de la grupo (P.E.S.), estas nia diligenta s-ano Jan Wojtas.

**Sosnowiec.** Krom la oficiala instruado en la urbaj Vesperaj Kursoj okazas kurso por la publiko, gvidata de s-ano Bol. Czechowski.

**Warszawa.** „Pola Studenta Esperantista Societo" organizis la 17. XII. en la Studenta Kolonio ĉe str. Grójecka 39., kie loĝas pli ol 1000 studentoj, kunvenon destinitan por Esperanto. Bonega prelego de prof. Kronenberg sukcesis kaj oni akceptis jenan rezolucion: la kunvenintoj konsistantaj el la loĝantoj de la studenta Kolonio konsideras Esperanton utila kaj nepre alprenota internacia helpilo. Tial ili elektas 5 personojn al komisiono, kies tasko estas propagandi Esperanton ĉe la Varsoviaj Altlernejoj. Al la komisiono estis elektita nia brava samideano Wiktor Ociepko, per kies klopodoj estis organizita la kunveno. Oni jam nun intencas organizi similajn prelegojn en la Universitato, Politekniko, Komerca Altlernejo k. t. p.

„Akademia Esp. Rondo" reelektis en sia jarkunveno kiel prez. s-anon Folman, vp. Zysman, sekr. Przysuskier. S-ano Bol. Głuchowski alvokis pri E. la popolan instruistaron per la grava pedagogia gazeto „Głos Nauczycielski" (35000 abon.).

**Wiśnicz.** Denove ekagis s-ano adv. Dr. J. Fragner, nia malnova probatalanto, kiu fariĝis subtenanto de nia gazeto.

**Zakopane.** La 3. I. faris Prof. Bujwid prelegon por pli ol 150 ĉeestantoj pri la utileco de E. kaj pri la sukcese antaŭiranta esp. movado en la tuta mondo. La prelego okazis en la Sanigejo de la popollernejaj instruistoj, grandega tute moderne aranĝita konstruaĵo por 250 tuberkuloze infektitaj personoj. Post la prelego kaj lerte aranĝita ekspozicio multaj ĉeestintoj enskribiĝis por la kurso gvidata de s-ano Ziomek.

Ĉi tiu prelego pruvis, ke sanigejoj estas speciale taŭgaj por propagando, ĉar havante liberan tempon multaj personoj sukcese esperantiĝas.

---

# BIBLIOGRAFIO.

Prudenci Bertrana. Barbaraj prozaĵoj. El la kataluna lingvo tradukis Jaume Grau Casas. Hirt & Sohn, Leipzig.

Rakontoj, pentraĵoj de klera kaj detalema observanto, kiu ŝatas migri solece tra la ne plu trairitaj vojoj kaj elŝiri la sekreton de ne plu „vivantaj" aĵoj. La traduko farita de konata aŭtoro de Kataluna Antologio bezonas nek laŭdojn, nek kritikon, la stilo faras la impreson de originalaĵo.

Aŭgust Strindberg. Insulo de feliĉuloj. Tradukis Oskar Frode. Hirt & Sohn, Leipzig.

Alegoria historio de Svedujo. Kritiko de la socia sistemo kaj trouzo de simplanimaj kredantoj, farita kun la kutima al la famekonata aŭtoro genieco. Tradukita en stilo korekta, sed sen flueco, kiu agrabligus la legadon. La periodoj estas ĝenerale tro longaj (frazoj ofte 10-12-liniaj).

Dinko Šimunowić. Ano de l' Ringludo. Tradukis el la kroata lingvo Fran Janjić. Hirt & Sohn, Leipzig.

Heroeca verko bonege pentranta specialajn karakterojn kaj morojn de sia popolo, kiun videble la aŭtoro amas. Li ŝajne prezentas sian propran animon per la heroo. La novelo estas tiel alloga, la faktoj tiel bone envicigitaj kaj rilate kunligitaj, ke oni ne povas forlasi la libron antaŭ la finlego. La stilo estas flua kaj facile legebla; la tradukinto devus nur malkutimiĝi de la uzado de „ke" anstataŭ „kiam".

*E. F. C.*

Redaktor odpowiedzialny: Juliusz Kriss.
Drukarnia Muzeum Przemysł. pod kierownictwem St. Baranowskiego w Krakowie, Smoleńska 9